5a jaro. — N-ro 10-11 (58-59). Aŭgusto-Septembro 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

REDAKCIA PARTO :
**Oscar VAN SCHOOR**

ADMINISTRACIA PARTO :
**Frans SCHOOFS**






***UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16***

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

5a JARO. AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1913. 10a-11a N° (58-59)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## NEKROLOGIO

## Carlo BOURLET, Austin RICHARDSON

Du teruraj frapoj de la sorto preskaŭ samtempe trafis la esperantistaron : CARLO BOURLET, la talentplena vicprezidanto de la *Konstanta Komitato de la Kongresoj* kaj direktoro de *La Revuo,* kaj Pastro AUSTIN RICHARDSON, la vigla vicprezidanto de la *Belga Ligo Esperantista,* estas forrabitaj al nia altestimo, al nia admiro, al nia amo.

Kaj — oni pardonu al mi tiun iom egoistan senton ! — min doloras malpli la malapero de du eminentaj lingvistoj, de du lertegaj propagandistoj, de du respektataj estroj, ol tiu de du bonegaj, tute sindonaj amikoj. Mi ne forgesis la multnombrajn servojn, kiujn ambaŭ faris al mi, precipe dum la preparado de la «Sepa», kaj ĉefe mi ofte kun emocio rememoras la tutkoran simpation, kiun ili montris al mia familio kaj al mi, okaze de la morto de mia karmemora patro. Kiel li, nun ankaŭ ili falas batalante por Esperanto. Kaj ne estas eble al mi verki nun detalajn artikolojn pri la vivo de la karaj formortintoj ; mi nur povas cedi al la ĉagrenego de la perdo de ambaŭ miaj kvazaŭfratoj.

D-ro W. VAN DER BIEST.

# La Esperantista Semajno-Kongreso en Gent

La Esperantista Semajno-Kongreso estis brila sukceso. S-ro PETIAU, la agema sekretaria de la organiza komitato, bonvolis preni sur sin la taskon verki pri ĝi raporton, kiu aperos en la oktobra numero de « Belga Esperantisto ». Sed ni ne volas kontraŭstari nian deziron publikigi jam nun la rimarkindan paroladon de S-ro MAERTENS, la neniam sufiĉe laŭdota honora prezidanto de la Genta Grupo, kaj la versojn de nia sindona kunlaboranto JAN, kiun S-ro VAN DE VELDE grandsukcese deklamis dum unu el la vesperaj festoj.

## Kiel propagandi Esperanton ?

Gesinjoroj,

Mi neniel intencis fari hodiaŭ paroladon en ĉi tiu kunveno. Sed specialaj cirkonstancoj preskaŭ devigis min promesi, ke mi parolados hodiaŭ. Sekve vi havas antaŭ vi homon tre ĝenatan. Efektive mi tute ne estas oratoro, kaj plie mi ne povis prepari min por priparoli antaŭ vi tiel gravan objekton, pri kio anstataŭ doni konsilojn mi estus estinta tre feliĉa ilin ricevi. Tial mi esperas je via granda malsevereco.

Mi ofte demandis al mi, kiu estas la plej bona maniero de propagando por konigi Esperanton.

Laŭ mia opinio, tiu plej bona maniero estas organizi senpagajn kursojn. Mi insistas pri la vorto « senpaga » kaj jen kial.

Ni devas konfesi, ke en la penso de l'publiko, la utileco de Esperanto ne estas ĝis nun tiel bone pruvita kiel tiu de la angla, franca, germana aŭ alia lingvo. Sekve, multaj personoj pensas : « Se mi devas pagi kvar au kvin frankojn por ĉeesti kurson de dekdu lecionoj, kaj se post du aŭ tri lecionoj tiu lingvo ne plaĉos al mi, se ĝi ŝajnos al mi malpli facila, ol mi konjektis, kaj se mi preferos ne plu ĉeesti la aliajn lecionojn, mi perdos sen profito la elspezitan monon. » Se la kurso estas senpaga, tiu kontraŭdiro ne plu ekzistas ; sekve mi opinias, ke la senpaga kurso estas bonega propagandrimedo.

Alia konsilo estas igi la kurson kiel eble plej interesa. Por trafi tiun celon ekzistas diversaj metodoj.

S-ro PETIAU, nia sindonema sekretario, donas al la gelernantoj post ĉiu leciono la resumon de la leciono kun malgranda tasko, kiun oni faras hejme kaj kiu estas korektata la sekvantan fojon.

S-ro BARBE el Gentbrugge skribas la lecionon sur nigra tabelo kaj la gelernantoj devas kopii ĝin en kajero. Li prave certigas, ke oni plibone memoras tion, kion oni skribis.

F-ino COLYN faris kurson en flandra lingvo, kiu estas ĉefverko de komprenebleco, kaj ŝi faris dum la vintro tre lertajn lernantinojn.

Plie, de la unua leciono la profesoro devos demandi ofte la gelernantojn kaj faciligi al ili la respondojn, tiamaniere ke li havigu al ili la plezuron ĉiam bone respondi. Tio flatas la memestimon, kaj tio ĉi estas grandega movanto en la mondo.

Tiu memestimo rememorigas min pri tre efika rimedo por helpi la profesoron. Estus necese, ke en ĉiu esperantista grupo oni trovu kelkajn sindonemajn anojn kiuj bonvolus ĉeesti ĉiujn lecionojn kaj sidiĝus inter la novaj gelernantoj. Tiamaniere oni rapide fariĝos amikoj, kaj post la instruado la malnovuloj akompanas la novajn samideanojn sur la strato, parolante pri la leciono, kaj tiel trovas okazon doni al ili klarigojn pri gramatikaj reguloj kiujn ili eble ne bone komprenis. La lernantoj konfidencie konigos al tiuj kamaradoj siajn dubojn ; male, en la lernejo la timo konfesi en la ĉeesto de la kunlernantoj, ke ili ne bone komprenis regulojn, malhelpos ilin paroli.

Tie ĉi ne devas halti niaj klopodoj.

Estas necese, ke la geesperantistoj estu sufiĉe lertaj por flue paroli sian lingvon, kaj por trafi tiun celon la plej bona metodo estas havi ĉiusemajne kunvenon, dum kiu ano parolas mallonge pri determinita subjekto. Poste la aliaj anoj diskutas kun la parolinto pri la subjekto ; tiamaniere la parolinto estas devigata respondi al la rimarkoj, kaj post unu jaro ĉiuj parolos facile.

Sed tio ne sufiĉas.

Estas necese, ke ĉie, sur la stratoj, en la tramveturiloj, la vagonaroj, la teatroj kaj koncertoj dum la interaktoj, la geesperantistoj parolu ĉiam Esperante. Tiam la publiko komprenos, ke tiu lingvo estas praktika, ke ĝi estas bela ; kaj, ĉar la mondo estas tiel farita, ke oni deziras esti tiel klera kiel la najbaro, oni demandos tiujn esperantistojn, kie oni povas lerni la lingvon kaj kiom da tempo por tio estas necesa. Tiel parolante Esperanton, oni faros sendube la plej bonan el ĉiuj propagandoj, dank' al la potenco de l'ekzemplo.

Sed ni faris pli multe la lastan jaron. Ni promesis vortarojn al ĉiujn gelernantoj (1) kiuj ĉeestos sinsekve la dek du lecionojn. Tiu agmaniero estis tre ŝatata.

Estas ankaŭ necese, ke la plej granda nombro el la esperantistoj akiru la diplomon de profesora kapableco. Sed tie ĉi aperas tuj du seriozaj kontraŭdiroj ; unue, la ekzameno kostas dek frankojn (2) ; due, ĝi estas malfacila. Mi neniel

(1) Jes. kaj tiuj vortaroj estis donacoj de la malavara S-ro MAERTENS mem. S-ro WITTERYCK, la simpatiinda prezidanto de la Ligo. rimarkigis, ke ĉiu grupo devus havi unu S-ron MAERTENS. (Noto de la Redakcio.)

(2) La enskribprezo de la ekzamenoj celas nur pagi ĝiajn kostojn, precipe repagi la vojaĝelspezojn de la juĝantaro. Kiam multaj kandidatoj sin prezentas, la prezo estas malpligrandigata. — Krom la ekzameno de profesora kapableco ekzistas ankaŭ ekzameno de kapableco, kies enskribprezo estas kvin frankoj. (Noto de la Redakcio.)

malaprobas tiujn du punktojn, sed ili povus eble forigi kelkajn personojn, kiuj tamen dezirus akiri tiun diplomon, ĉar ili diras: « Se mi malsukcesos, estos necese rekomenci, tio kostos tiam dudek frankojn, kaj mi ne estas certa sukcesi la duan fojon. » Por ke la plej granda nombro el la geesperantistoj povu akiri diplomon de kapableco, la grupo de Gentbrugge fondis ekzamenojn, kiuj rajtigas je diplomo donata de la grupa komitato. Tiuj diplomoj, kiuj nur estas atestaĵoj sen oficiala valoro, estas tamen seriozaj kuraĝigoj por la gelernantoj, kiuj tiel pruvas, ke ili jam bonan konon havas de Esperanto, kaj preskaŭ ĉiuj aliros konfide al la oficiala ekzameno.

Estas ankoraŭ aliaj propagandmetodoj : la nacilingvaj paroladoj pri Esperanto kaj la dramaj kaj muzikaj festoj per Esperanto. Oni invitas tie multaj da personoj, inter kiuj preskaŭ ĉiam kelkaj fariĝas novaj anoj. Plie tiuj festoj, kiujn ni organizas tri- au kvarfoje dum la vintro, estas tre profitaj por daŭrigi la talenton de la geaktoroj, kaj ebligas havi bonegajn elementojn por la festoj dum la kongresoj : jen la propagando per la amuzado.

Fine estas lasta metodo de propagando : la instruado de Esperanto en la lernejoj.

Kiam oni parolas pri tiu projekto, iu tuj respondas, ke la studprogramoj estas jam multe tro vastaj, kaj ke oni farus pli bone instruante naciajn lingvojn jam uzatajn en la komerco, kiel la francan, anglan au germanan lingvon. Tamen Pariza jurnalo tre konata organizis enketon pri la eventuala instruado de helplingvo en la lernejoj. Mi ne intencas sciigi al vi la diversajn opiniojn pri la uzo de tia lingvo ; mi nur konigos al vi la konkludon de scienculo. Post, serioza konsidero de la objekto, li deklaris, ke Esperanto estas tiel facila, tiel komprenebla, kaj samtempe tiel riĉa, ke oni devus instrui Esperanton al ĉiuj infanoj dekjaraj, ĉar li estas konvinkita, ke tiu, kiu konas Esperanton, lernos pli facile la aliajn lingvojn, pro la scio de la radikoj de multaj vortoj uzataj en la precipaj lingvoj de Eŭropo.

Tiu tre saĝa argumento estas samtempe respondo al la personoj, kiuj pretendas, ke ni volas forigi la naciajn lingvojn. Ni estas male amikoj de ĉiuj lingvoj, kaj mi povas diri, ke mi persone estas granda amiko, ĉar mi lernis dek-kvar lingvojn.

Mi opinias, ke ĉiuj ni povas aliĝi al la konkludo de tiu scienculo, kiu konsilas la instruadon de Esperanto kiel la plej bonan fundamenton por akiri la konon de la aliaj lingvoj ; kaj se ni povos konvinki la publikajn administraciojn pri tiu veraĵo, post dek jaroj ĉiuj plenaĝuloj parolos Esperanton en ĉiuj landoj.

Laboru ni ĉiuj fervore por trafi tiun celon, kaj ni povos prave diri ke neniu estos farinta tiom por la instruado de la homaro, kiom nia kara kaj altestimata majstro Doktoro Zamenhof.

A. MAERTENS.

# Al niaj Gentaj amikoj

Vi faris alvokon al ĉiuj nacioj
Kun frata, gastama korsento :
« Kuniĝu la esperantistaj legioj
En Gento !

La urb', kies altan genion atestas
Sur ĉiu plac' artmonumento
Kaj kiu per florornamajoj sin vestas ! ..
Al Gento ! »

Kaj vidu ! multope, je tiu parolo,
Kutima kun interkonsento,
Alvenis la esperantista popolo
En Gento.

Ni ĉiuj la urbon antikvan admiris ;
La pruvoj de l' granda talento
De viaj artistoj al si nin altiris
En Gento ;

Sed ĉefe — sincere mi tion deklaras —
Nin ĉarmas en nuna momento
La kora akcept', kiun vi al ni faras
En Gento.

Ho, dankon al vi ! al vi, fratoj, honoron !
— De ĉiuj jen estas la sento —
Kaj venk' rekompencu la grandan laboron
De Gento !

JAN.

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la disajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, kiuj enhavas artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN. — Antverpena Grupo Esperantista.** — En la monato Decembro la A. G. E. organizis perfektigan kurson por sinjorinoj. Ĝi okazis de tiu tempo seninterrompe (krom dum la Kristnaska kaj la Paska libertempoj), ĉiun merkredon de la 6a ĝis la 7 1/2 posttagmeze, en la lernejo de la Eikenstraat (rue des Chênes) kaj estis gvidata de nia samideanino F-ino

Posenaer. La fina kunveno okazis je merkredo, la 23a de Julio, kaj la sindona profesorino promesis al siaj fidelaj, kvankam ne multnombraj lernantinoj, ke dum la venonta jarperiodo ŝi estos denove je ilia dispono. A. G. E. jam antaŭe dankas pro tio F-inon Posenaer, kies servoj al Esperanto estas sennombraj.

Dum la vintraj monatoj, la agema prezidanto, S-ro Oscar Van Schoor, faris ĉiusabate, de la 9a ĝis la 10a vespere, en la lernejo de la Prinsstraat (rue du Prince), la unuagradan kurson por sinjoroj kaj sinjorinoj.

La sabataj kunvenoj en la sidejo de la grupo, Peter Benoitzaal, Handelslei, 239, (Avenue du Commerce), okazis ĉiusemajne sen interrompo, kaj la fidelaj ĉeestantoj havis okazon por aŭskulti dum ĉiu kunveno paroladeton, aŭ legadon de originalaĵo aŭ tradukaĵo, faritan de unu el ili, laŭ vicoj jam difinitaj de la komenco de Januaro. Multaj el tiuj paroladetoj estis vere interesaj. Precipe por la novuloj tio estas bona ekzerco.

La komitato de la A. G. E. sin okupas pri la organizo de intima festo, je la fino de Septembro aŭ la komenco de Oktobro, okaze de la deka datreveno de la starigo de la Antverpena Grupo. Ĝi de nun esprimas la deziron ke la plej multaj grupoj multnombre ĉeestu tiun festeton. KOMITATANO.

— La 20an de Julio, la urbo Antverpeno rememoris la reaĉeton de la Skelda imposto per brilaj festoj organizitaj de la Komerca Ĉambro. Okaze de tiuj festoj dek-kvino da Bruselaj esperantistoj renkontis kun kelkaj Antverpenaj amikoj, sub kies gvido ili vizitis la urbon kaj ĉeestis la plej gravajn numerojn de la festprogramo. La ideo inviti la gesamideanojn al lokaj festoj estas ege bona kaj imitinda. SUS.

**Suda Lumo.** — Por antaŭenpuŝi la movadon en Liero, « Suda Lumo » organizis publikan koncerton de esperantaj kantoj sur la kiosko de la Granda Placo, kun la afabla permeso de la urba administracio. Multaj gesamideanoj de la aliaj Esperanto-grupoj el Antverpeno, Borgerhout, S-te Mariaburg kaj Bruselo montris per sia kunlaboro ke ili altŝatas la propagandmanieron de « Suda Lumo ».

Post agrabla promenado en la ĉirkaŭaĵo de Liero, dum kiu la urbaj esperantistoj efikplene « ripozis » for de la ĉiutagaj laboroj, la pli ol centopa aro supreniris je la 6a vespere la kioskon, ĉirkaŭ kiu grupiĝis jam granda amaso da Lieranoj scivolemaj.

Sub la direkto de S-ro Jan Jacobs, la prezidanto de « Suda Lumo», la esperantistoj kantis kelkajn flandrajn kantojn esperantigitajn, poste trion da originale fremdaj kantoj kaj fine oni kun plezuro aŭdis la esperante verkitajn : «Taĝiĝo»,«Antaŭen,Sud-Lumanoj !» (gratuloj al niaj amikoj Jacobs kaj Dollez!) kaj la « Espero ». La aŭdantaro tre interesiĝis kaj sekvis la kantojn laŭ la programo esperanta kiun oni estis vendinta antaŭe. Unuvorte la sukceso plene respondis la atendon de la organizintoj.

Post la koncerto la esperantistoj kunvenis en salono de la urbeto, kie la samideano Frans Schoofs gratulis la grupon « Suda Lumo » kaj speciale ĝian senlace klopodantan prezidanton. Li atentigis ĉiujn esperantistojn pri tiu nova propagandrimedo kaj esperis ke en tiaj cirkonstancoj la grupoj sin montros frataj, helpante unu la alian.

Je la nomo de « Suda Lumo » samideano Jan Jacobs dankis ĉiujn ne-Sudlumanojn, kiuj partoprenis, kaj promesis la kunhelpon de sia grupo kiam ĝin bezonos iu alia frata societo. SUS.

**BORGERHOUT.** — La grupo « Laboro », fidela al sia nomo, senbrue sed persiste daŭrigis labori. La kurso, kiun faris ĉiumerkrede la prezidanto, S-ro Vermandel, jam de kelka tempo finiĝis. F-ino Posenaer, la vicprezidantino, gvidis dum kelkaj semajnoj perfektigan kurson, kiu estos nun interrompita ĝis post la libertempaj monatoj. — La grupo oficiale partoprenis la sekvantaron, organizitan en Antverpeno la 21an de Julio, okaze de la nacio festo. — Kun granda plezuro ni eksciis, ke la komunumestraro de Borgerhout aljuĝis tiun ĉi jaron al la grupo «Laboro» helpmonon de 75 frankoj,

dum en la antaŭa jaro ĝi nur donacis 50 frankojn. La Labor'anoj tre ĝojis pro tiu oficiala kuraĝigo. Mopo.

— La 27an de Aŭgusto, la «Ruĝa Kruco de Borgerhout» festis la 1can datrevenon de sia fondiĝo. Tiuokaze multaj aliurbaj fratsocietoj — inter kies membroj ni plezure rimarkis multaj esperantistojn — alportis sian kunhelpon al la lertaj manovroj ĉeestataj de la tuta loka eminentularo. Dank'al la sindonemo de nia samideano Caris, unu el la organizintoj de la festo, Esperanto ankaŭ havis sian lokon en la bela ekspozicio aranĝita de la festanta societo. Sus.

**GENTO**. — Aro da anoj de la Genta Esperantista Grupo faris, la 29an de Junio, tre agrablan vojaĝon al Brugo kaj Heyst.

Alveninte en la « mortinta urbo », ni havis la grandan plezuron trovi ĉe la stacidomo gesamideanojn el tiu urbo, inter kiuj F-inoj Ledène, Priem kaj Huismans, kaj S-roj Witteryck kaj De Muynck, kiuj tre afable metis sin je la dispono de la ekskursantoj por gvidi ilin tra la urbo. Post mallonga halto en « Métropole », hotelo de la samideano S-ro Berger, kie S-ro Witteryck deziresprimis la bonvenon kaj ĝentile disdonis esperantajn gvidlibrojn kaj diversajn reklamilojn, oni kune faris per motorŝipeto agrablan kaj interesplenan veturadon sur la famaj brugaj kanaloj, Kvankam kelkaj inter ni tute ne estis trankvilaj kaj elŝipiĝis post nelonge, la promenado bone finiĝis, kaj ĉiuj estis tre kontentja farinte ĝin. Oni trinkis « aperitivon » en la vidinda « Zwarte Huis » ka bone tagmezmanĝis en la bonkonata « Hôtel du Cornet d'Or », sidejo de la Bruga grupo. La manĝado estis gajigata de la spritaj rimarkoj de la ĉarmplena filineto de nia prezidanto kaj ankaŭ de la mirinda englutega kapableco de nia sekretario.

Poste, ĉiam gvidate de la afablaj Bruganoj, oni kune veturis per la vaporŝipo « Albert I » ĝis Zeebrugge; kaj de tie oni atingis piede la banurbon Heyst, post amuziga sed iom malvarma vojaĝo. En la hotelo de la samideano Emilio oni manĝetis kaj ripozis iomete; tie ni faris la agrablan renkonton de S-ro Rommel, la prezidanto de la grupo el Verviers. Oni ankoraŭ promenadis laŭlonge de la marbordo kaj oni sidiĝis kviete meze de la sablaj montetoj por admiri la maron. Ĝi estis vere belega kaj pentrinda, kun siaj blankaj ŝaŭmantaj ondetoj, siaj malproksimaj ŝipoj kaj sia mistera horizonto, kie oni dekstre ekvidis la limojn de Zelando. Gi estis tiel alloga, ke nia prezidanto tuj cedis al la deziro lavi siajn piedojn en la puraj ondoj !

Reveninte al Brugo, niaj afablaj gegvidintoj gustumigis al ni la bonkonatan kaj bongustan urban bieron en la Teniers-kelo, kies mastrino estas ankaŭ samideanino. Fine ili bonvolis akompani nin ĝis la stacidomo, kie oni disiĝis, promesante baldaŭan revidon dum Aŭgusto, okaze de la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso de Gento.

Tiu ekskurso estis instruplena por niaj novaj geanoj. Dank'al la afableco de la Brugaj gesamideanoj, kiuj akompanis nin la tutan tagon, ĝi pruvis unu fojon pli ke Esperantismo ne estas vana vorto kaj ke ĉiuj geesperantistoj estas vere anoj de la sama granda rondo familia. Black.

— La sukceso de la Esperantista Semajno-Kongreso ankoraŭ pligrandigis la fervoron de la Gentanoj. Merkredon, la 20an de Aŭgusto, dum tre mult nombre ĉeestata kunsido, ili decidis organizi teatran prezentadon dum Oktobro, kaj poste ĉiudumonate. Ĉiusemajne okazos tri kursoj. Johano.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo**. — La monato Julio komenciĝis por preskaŭ ĉiu Esperantisto en Londono per belega ĝardenfesto en Highgate, ĉe Bishopwood, unu el niaj plej ĉarmaj regionoj. En la belega ĝardenego de S-ro Wynter ĉi tiu esto okazis, kie li kaj lia filino gastigis plej malavare kaj sindone la Es-

perantistojn. Tre agrabla tetrinkado kaj fragomanĝado en granda tendego okazis, dum pluvofalo akompanis la agrablan murmuradon de l'Esperantistaj voĉoj ; poste, kiam finis la tetrinkado, finis ankaŭ la pluvofalo, kaj oni sin amuzegis en la bela ĝardenego, kie koncerto okazis. Plie, dancado de dudek infanoj estis ĉarma distrajo.

En Hyde-Parko, de la 22a de Junio, S-ro Harvey subĉiele instruas Esperantajn kursanojn ĉiudimanĉe. Jam de kelkaj jaroj D-ro H. D. Phizicky propagandas Esperanton en ĉi tiu Parko, dum li pritaktas aliajn temojn ; li scias interesi grandamase la aŭskultantojn. Komence la Esperantistoj kredis, ke tiu metodo ne estas taŭga ; tamen,iom post iom, oni kutimiĝis kaj nun oni tute aprobas la propagandmanieron.

Kiel kutime, okazis paroladoj diverlokaj, kaj al Eastbourne kaj al Portsmouth faris viziton Finna simideana kantistaro « Suomen Lanlu » ; ĝi estis kore akceptata.

— « Mi nur estas unu, sed mi estas unu. Mi ne povas fari ĉion, sed ion mi povas fari. Tion, kion mi povas fari, mi devas fari. Tion, kion mi devas fari, mi volas fari. »

Jen bela promeso, kiu sin trovas sur aliĝilo aŭ membriĝbileto de Rondo (aŭ grupo) starigita la 29an de Julio 1913, en Browning Hall, rilate al la Societo de Mondamikiĝo.

Estas nepre necese, ke ĉiu Esperantisto sciu pri tiu movado, ĉar ĝi estas kunligita kun niaj propraj ideoj de samideaneco kaj interfratiĝo, t. e. kun niaj sentoj de l' « Esperantismo ». La jus fondita grupo estas nomata « la W. T. Stead-Rondo », kaj ĉeestis inter la aliĝintaj ankaŭ kelkaj Esperantistoj (inter ili S-ro Harrison Hill, S-ino Laurence, S-ino Ad. Ŝefer, k. a.) La celo estas mondamikiĝo, kaj per ĝi fine la federacio de Eŭropo kaj la ĉesado de milito inter popoloj. S-ro W. T. Stead, fervora laborinto en tiu direkto (kaj apoginto kaj helpinto de l'Esperanstistoj), deziregis pacon kaj amikiĝon inter la homoj. Li heroe pereis sur la ŝipego Titanic », sed lia spirito daŭre vivados en la koroj de liaj amikoj, kiuj flegos la semeron de li semitan kaj kreskigos ĝin ĝis matureco. Oni elektis la filon, S-ron John Stead, prezidanto de la Rondo, kaj oni petas, ke en ĉiu urbo simila Rondo de la Societo por Mondamikiĝo estu starigata. Ĉiu libere laboru por sia Rondo ; oni intersendu novajojn, por ke ĉiu estu helpata per la ekzemplo de la alia ; oni plie intervizitu, por konatiĝi ne nur kun la amikoj sed kun aliaj landoj kaj kutimoj kaj laboroj, pro la beno kaj bono de l'homaro. Detalojn oni elpetu de l' ĝenerala sekretario, Worldfriendship Society, Browning Hall, Wandsworth, London S. E. Tion, kion ni povas fari, ni nepre faru volonte kaj tuj.

Ad. Ŝ.

**Skotlando.** — La Esperanta grupo en Partick, Glasgovo, jam starigis ĉiudimanĉan diservon, uzante la antaŭ nelonge eldonitan «Nova Testamento». Anonco troviĝas en la « Glasgow Citizen » kaj la lokaj jurnaloj ĉiusabate, por ke vizitantantaj al la urbo samideanoj povu sciiĝi je kioma horo ĝi okazas.

Nova Esperanta Societo estis inaŭguraciata en Hamilton la 10an de Majo kiel rezulto de la fervoraj klopodoj de S-ro Hare. Al S-ro Hare oni donacis kiel memorajon belan skribilarujon.

Dum la someraj monatoj okazas ĉiusemajne en Edinburgo kurso por interparolado kaj legado de Esperantajo ; la titolo estas « Iru Angloj Alilanden». La kurso estas neformala; oni havas diversajn geinstruistojn por gvidadi la lernantojn.

Post nelonge firmo de bonekonataj eldonistoj eldonos Vortareton « Esperanto-English» kaj « English — Esperanto». Tiu ĉi nova poŝvortareto, kvankam malgranda, estos tute bonampleksa por utiliĝi por la bezonoj de la ordinara esperantisto. S-ro Warden kontrolas la komitaton kiu recenzas ĝin : la kosto estos nur unu ŝilingo.

La internacia kongreso de la Kristana Unuiĝo por Junaj Viroj okazis en Edinburgo de la 11a de Junio ĝis la 16a. Sepcent delegitoj el dudek landoj

partoprenis la kunvenojn, kaj inter ili estis S-ro Rudolph Horner el Lisboa, kiu vizitis la Edinburgan grupon, kaj transdonu salutojn de siaj samlandanoj. La kongreso estis alia pruvo de la fakto, ke Esperanto estas bezonata por ke la diverslandanoj interfratiĝu kiel eble plej multe : sen Esperanto tio ne estas ebla !

En Greenock, de la 6a gis la 9a de Junio, okazis la tre sukcesa Oka Skota Kongreso Esperantista. La unua koncertkunveno okazis vendredo, kaj multaj ne ankoraŭ konvertitoj ĉeestis. Sro R. W. Mc Farlane prezidis, kaj bonvenigis la kongresanojn. Inter aliaj parolantoj estis kolonelo Pollen, kiu prezentis en sia trafa parolado bonajn argumentojn al tuj, kuj opinias, ke la angla lingvo estas ĉiam kaj ĉie taŭga por interrilatiĝi kun alilandanoj. Sro Sharpe, el Torquay (Anglujo), gratulis en sia parolado la Skotojn pri ilia bonega elparolado de Esperanto ; li diris : «Ni tre bezonas bonajn instruistojn, kaj post kiam la bezono fariĝos pli grava, tiam ni havigos ilin el Skotlando.» — Sabate, meztage, ĉe la konsilantara kunveno de la Skota federacio, oni elektis novajn komitatanojn por la venonta jaro ; Pastro Ross el Kilmarnock estas la nova prezidanto. — Posttagmeze oni ricevis salutojn, ĉe la ĉiujara kunveno, de Dro Zamenhof, Profesoro Cart, kaj aliaj ; la deligitoj de la Skotaj grupoj ankaŭ transdonis salutojn de siaj grupanoj . Fino J. Baird kaj Fino L. Beveridge recevis premiojn por verketoj jugitaj egale bonaj. — Je la kvina, la urbestraro oficiale akceptis la kongresanojn ; post temanĝo, dum kiu oni aŭskultis la ludadon de bona orĥestro, tri el la urbaj konsilantoj parolis tre simpatie pri la pacaj kaj interfratigaj celoj de la Esperantistaro. — Vespere, dua propaganda kunveno allogis bonan aŭdantaron. S-roj G. Warden kaj Page faris trafajn paroladojn pri la utileco de nia lingvo. — Dimanĉon en preĝejo multaj personoj ĉeestis por aŭskulti predikajon de Profesoro Mc Fadyen ; la leteroj estis legataj de kolonelo Pollen kaj S-ro Page, kaj granda ĥoro tre bone kantis la himnojn.

M. W.

**Usono.** — Notinda pruvo de la taŭgeco de Esperanto sin montris jene. Grava firmo de fiŝaĉetistoj en Usono deziris informon pri aparta irlanda fiŝspeco, kaj ne povis ĝin akiri, post multpenado. Esperantista konsulo en la sama urbo (Chicago) sciiĝis pri tio, kaj proponis siajn servojn. Unue la firmanoj mokis pri Esperanto, sed fine ili promesis subteni la lingvon, se ili sukcese ricevos la informon. Ne estas necese diri ke la informo alvenis detale, rapide kaj kontentige. Nun unu el la firmestroj lernas Esperanton.

Ad. Ŝ.

---

# Vivanta lingvo aŭ lingva sistemo

Libereco, libereco, libereco.
*Pujulà.*

Ni donas en alia parto de la gazeto liston de vortoj kiuj, laŭ la dek-kvina paragrafo de nia oficiala gramatiko, estas plenrajte uzotaj.

Tre prave, okaze de tiu ĉi regulo, D-ro Zamenhof rimarkigas, ke ĉe kelkaj vortoj devenantaj el unu radiko, preferindaj estas tiuj formitaj laŭ la reguloj de la lingvo Esperanto ; sed tre erare tamen oni malpermesus aliajn, pli internaciajn, kaj kondamnus ekzemple *redaktoro* apud *redaktisto*, aŭ *administracio* apud *administrantaro* kaj *administrado*.

Tian liberecon, kun aliaj, ni abzolute bezonas, se ni volas, ke la lingvo restu facila, kaj, kio estas pli grava, ke ĝi ne fariĝu el « vivanta lingvo », en kiu la instinkto ludas sian rolon, ia « lingva sistemo », en kiu nur la rezonado regus.

Kaj vere, en tio kuŝas la tuta konflikto inter kelkaj Esperantistoj. Al unuj tio, kio precipe plaĉas, estas la logikeco de la lingvo, ĝia reguleco, kiujn ili dezirus ankoraŭ pli perfektaj. Esperanton ili ŝatas pro ĝia « sistemeco » kontraŭ la ceteraj « nesistemaj », « erarplenaj » lingvoj.

Aliaj Esperantistoj kontraŭe, — kiuj estas nek malpli lertaj, nek malpli kleraj, — opinias, ke la ĉefa merito de Esperanto, ke ĝia neduba efektiva supereco kompare kun aliaj artaj lingvoj, konsistas precize en tio, ke ĝi — vera miraklo ! — sukcesis akceptigi sin kiel naturan lingvon ne sisteme korektotan, perfektigotan, plenigotan,... ne diskutotan, sed tuj uzotan.

La ĉiama, konstanta tendenco de la unuaj, teoriemuloj, estas forigi la (laŭ ilia juĝo) mankojn de la lingvo : nelogike formitajn vortojn, nesufiĉecon de l'vortaro, k. t. p. La progreson ili atendas de la reganta Akademio, kiu « farus » la lingvon. Ilia metodo, vole-nevole, estas pli malpli a-prioria, monopolema, *aŭtokrata*. La fonton de la vivo ili serĉas en direktantaj institucioj, ekster kiuj ili vidas nur anarĥion.

La ĉiama, konstanta tendenco de la duaj, praktikemuloj, estas — neniam diskutante ĝin — enradikigi la lingvon, tian, kia ĝi estas en la ĉiutaga, komuna internacia uzado. Ĝian plenan taŭgecon ili ja konstatis kaj, ĉar por ili la problemo estas pli socia ol pure « lingvistika », ilin kontentigas tia taŭgeco. La progreson ili atendas de tiuj mem, kiuj uzas la lingvon kaj de tiuj ĉi ili postulas nur, — por eviti la antaŭviditan anarĥion, — plenan, sinceran respekton al la Fundamenta leĝo de la lingvo. Al ili sufiĉas, ke tute trankvile, malrapide la Akademio konstatu la naturan, regulan evoluadon kaj ĝin *kontrolu*, tial ke la tasko de la Akademio, krom sankcii, estas ankaŭ kontraŭstari al tio, kio ŝajnas al ĝi ne konforma al la spirito de la lingvo, sed eĉ tiam simple per ne akcepto, per ne oficialigo kaj ne per malpermeso aŭ kondamno (1). Ilia metodo estas nepre a-posterioria, liberala, *demokrata*. La fonton de la vivo ili serĉas en la esperantista popolo, konvinkite, ke ĝi estos sufiĉe saĝa kaj singarda por uzi, sed ne trouzi la necesan liberecon kaj ne praviĝos per la lingva «sabotado» la necesecon de savanta reganta povo.

Inter la du metodoj la Esperantistoj elektos. Pri la scienca lingvo ni ne parolas : ĝi havas ja en ĉiuj lingvoj siajn specialajn

(1) Vidu : Th. Cart : *Raporto pri la Vortaro G.-M.* : « La rolo de nia Akademio ne estas kondamni.... La libera kritiko de la gazetoj devas sufiĉi. » (Era : *Raporto pri la Sepa Kongreso*, p. 55). — Cetere la fina decido fatale apartenas al la komuna uzado.

leĝojn [1], sed pri la komuna, sen kiu, — ĉar ĝi estas kvazaŭ la cemento de la tuta konstruaĵo, — ia scienca lingvo ankaŭ ne povus ekzisti, pri la komuna lingvo, nia konvinko estas, ke nur la dua metodo, la natura, la demokrata povas certigi la normalan kreskadon de Esperanto kaj ĝian finan venkon.

*Vivanta lingvo* estas Esperanto kaj ĝi vivos, kiel vivas la lingvoj, por la bono kaj utilo de l'homaro, aŭ ĝi fariĝos *lingva sistemo*, kiu mortos kaj renaskiĝos, kiel mortas kaj renaskiĝas la filozofaj sistemoj, por la amuzo kaj plezuro de la aŭtoroj kaj de iliaj kelkaj disciploj !

*
* *

Du infanoj ricevis unu fojon donace ĉiu po unu abieto Egalkreskaj estis la du arboj. La infanoj plantis ilin en sia ĝardeno unu apud la alia kaj vetis, kiu el la abioj estus pli alta post kelkaj semajnoj. Unu infano ĉirkaŭigis la radikojn zorge per bona teraĵo, kiun ĝi de tempo al tempo akvumis. La alia infano ĉiutage iom eltiris la arbeton el la tero. Je la fino de la unua semajno ĝi laŭte triumfis... sed post unu monato, ĝia abieto pereis kaj tute sekiĝis, dum la alia vigla estis kaj plenviva.

Karaj esperantistaj fratoj, ni ne imitu pro troa, vere infana senpacienco la duan knabon. L. I.

(El *Lingvo Internacia*, numero de Junio 1913.)

---

# La Birdo

Rozaj nuancoj kolorigas la horizonton, oraj lumradioj traflugas la aeron ; la suno aperas : nova tago estas naskiĝinta.

El la plej altaj branĉoj de l'arboj, el sulkaĵoj de la tero kaj el la kano de l'marĉaĵoj, subite eksonas gaja kantado ; trilantaj tonoj fluas kaj flugas trans monto kaj valo ; estas la birdo, la dia besteto, kiu prikantas la vekiĝon de la naturo.

Kio estas la birdo ? La promenanto tion ne scias. Li vidas besteton kiu flugas, li aŭdas kelkajn helajn tonojn kaj li diras : ĝi estas birdo !

La ĉasisto ankaŭ tion ne scias. Ian matenon li pafas kelkajn pulverojn en ion kio forflugas, sanga aĵo falas teren. Estas iom da varmaj tremetantaj plumetoj, li diras : ĝi estas birdo !

La klerulo konas la korpan sekcon de la birdo, li scias diri kun kia rapideco okazas la sangcirkulado kaj kun kia forteco okazas la spirado. Li scias kompari la ecojn de la birdo kun kiu ajn kvarpieda besto, sed li restas muta kaj revanta, pripensante la mirigan vivoforton de tiu afabla kaj ĉarma estaĵo.

---

[1] Vidu : TH. CART : *Komuna kaj scienca lingvo*, L. I., Aprilo 1909.

Kiam tiu sciencisto rekte tuŝas la naturon, tiam li sin sentas tute embarasita, li hezitas, kaj malgraŭ liaj bonegaj konoj, iam ja okazas, ke li humile devas konfesi sian ignoron pri la vera, la vivanta birdo.

Dum siaj studoj li sekcis skeletojn de birdoj, komparis kolorigitajn bildojn unu kun alia, legis kaj verkis priskribojn; tamen, se li estus sincera, li konfesus: la birdon de l'arbaro, la flugilhavan kantiston, kiu sin kaŝas en la foliaro kaj de tie prikantas la vivoĝojon por la filozofo kiu ĝin aŭdas, tiun li ne konas.

La kamparano rigardas kun nekomprenebla maniero la birdon, kiu povas utili kiel nutraĵo aŭ ludilo. Ne malofte li ĝin persekutas malsaĝe, ĝuante ĝojon, kiam li povas uzi sian forton, por turmenti malfortan estaĵon. Kiel bubo, li rabis nestojn kaj disrompis la flugilojn de la birdo per ŝtonĵetoj; kiel viro, li uzas sufokilon kaj pafilon.

Malfeliĉulo, kiu ne konscias pri la rezultatoj de siaj faroj kaj ne komprenas kio okazus, se iam devus manki la birdo!

La plimulto de la homoj indiferente preterpasas kaj rigardas la birdon nur kvazaŭ specon de fantomo, kiun oni iam ja rimarkas sed neniam atente rigardas. Ho ve! kiel kompatindaj estas tiuj personoj, al kiuj mankas tiu fonto de ĝojo, kaj kiuj trakuras la arbarojn, laŭiras vojojn kaj ebenaĵojn, ne konante la bonfaran sorĉiston, la veran laŭdeganton de la naturo! ili vagas en mondo sen ĉarmo, ili laŭiras senfinajn vojojn, ili estas surdaj kaj blindaj, ili ne konas la ensorĉon de la birdo!

Kiam ili vidas antaŭ sin, iliaj rigardoj iras trans tiujn malpezajn flugilhavajn bestetojn. Ili nur vidas la polvan vojon, la senmovajn kreskaĵojn kaj la aliajn homojn tiel blindajn kaj obstinajn kiel ili mem.

Kiu ĉarmo aperus antaŭ iliaj blindaj okuloj, kiuj nekonataj mirindaĵoj malvolviĝus antaŭ ili, se ili volus scii kaj vidi! Kaj kun kia malmulta penado ili havigus al si la talismanon, kiu malfermus la pordegon de la magia lando!

Iu estaĵo kiu vivas en la aero, iu flugilhava besteto kiu rulas kaj turnas en la sunradioj kaj sin sensoifas per rosgutoj, liverus al ili la sekreton de la saĝo. Ili komprenus la mirindan instinkton, la antaŭvidon kaj genion de tiu estaĵo, kies ekziston ili apenaŭ konjektis, kaj ili fariĝus pro tio pli bonaj, pli saĝaj kaj pli pensemaj.

La solaj, kiuj konas la birdon, estas la poetoj kaj komponistoj; ili prikantis kaj laŭdegis tiun afablan estaĵon, tiun gajan loĝanton de la grandiozaj arbaroj kaj bonodoraj ĝardenoj. Ĝia ĉarmo inspiris la poeton; la komponisto revis dum siaj kreadoj por egali la dolĉplenan voĉon de la flugilhava kantisto, kiu prikantas per sia entuziasma kantado la tutan naturon, la arĝentan roson de la mateno, la oran brilon de la tago, la vesperruĝon, la freŝan printempon, la luksan someron, la riĉan rikolton.

Jes, duoble sankta devus esti la birdo, ĉar ĝi ne estas nur la vivo kaj la ĝojo, sed ankaŭ iu necesaĵo. Ĝi faras grandegan buĉadon de vermoj, de krizalidoj kaj de ĉiuj malutilaj insektoj, kiuj estas eterna minaco pri la terkulturo.

Tamen, nek la kantoj de la poetoj, nek la leĝoj, eĉ nek la utilo de tiu ĉi kara servisto, povis ĝin protekti kontraŭ sovaĝa ekstermado, kies rezultoj jam akre sin sentigas.

Tiuj detruantoj ja volu pripensi, kiel estus la naturo, se ili realigus la ekstermon. Ili imagu la neniigitajn arbarojn!

Kiun ĉarmon ankoraŭ havus la ĝardenoj, se ili ne plu estus animigitaj de la kantoj de l'birdoj?

Jes, mi bone scias, ke estas senutile pentri tiujn scenojn por homoj, kiuj povas mortigi tiujn ĝentilajn bestetojn, ĉar ili estas sensentemaj homoj. Neniam emociis ilin la ardaj triloj de l'najtingalo en la kvieta arbaro, kaj neniam ili estos ravigitaj de la tremanta movo kiu vivas en la arbetaĵoj.

Se ili tamen volus pripensi, ke la detruo de la birdo estas kvazaŭ la memmortigo de la homo! Ĉar kiam la birdo ne plu estos, tiam la por la homo utilaj plantoj estos formanĝataj de la insektoj, la brutaro turmentata de muŝoj, pikata de abomenaj bestetoj, estos ekstermata, kaj la dombestoj pereos de abomena svarmado de ĉiuspecaj insektoj.

Se iam la granda insektodetruanto, la birdo, estus malaperigita, ĉu ni estus sufiĉe fortaj por kontraŭbatali, per ĉiuj niaj desinfektrimedoj kaj mortigiloj, la kreskantan alfluon de multega insektaro?

Kiel ornamaĵo de la naturo, por gajigo de la vivo, devas la birdo resti.

Ne povas esti ke la arbaroj mutiĝus, ke la senviva naturo similus grandegan dezerton, iun korpon el kiu forflugis la animo.

Ĉar la animo de l'arbaro, de l'kampoj kaj de l'herbejoj estas la birdo, tiu ĉarma besteto.

Esperantigis
JUL. JACOBS.

---

# LA SKLAVO

Skizo el la vivo de PETER PAUL RUBENS
de MARIE WALTER, tradukita de CAMILLA FÜRTH

---

Kiam revenis venkinta kaj glorplena la hispana admiralo Fareja, kiu laŭ la ordono de Filipo la IVa, entreprenis militiron al Sud-Ameriko, la reĝo intencis lin speciale honorigi. Tial li ordonis al sia favorato, la fame konata pentristo Velazquez, ke li pentru portreton de la admiralo. Fareja estis tiom ravita de la simileco

kaj la genia maniero de la pentrado, ke li vizitis la faman artiston kaj donacis al li mirinde belegan oran ĉenon, kiun portis al li en kesteto juna mulato, kiun li kunprenis de Ameriko.

Kiam Fareja forlasis Velazquezon, la sklavo volis sekvi sian sinjoron, sed tiu ĉi malafable lin repuŝis per la piedo, kriante : « Sklavhundo, kune kun la ĉeno mi fordonis ankaŭ vin. De nun vi apartenos al S-ro Velazquez. » Tiamaniere la mulato fariĝis propraĵo de la pentristo, kiu afable agis kun li, kaj komisiis al li la purigadon, kaj disfrotadon de la farboj. Dum la foresto de la majstro la lernantoj de Velazquez faris la mulaton objekto de siaj mokoj kaj petoloj. Juano, al kiu oni donis la nomon de Fareja, lia ĝisnuna sinjoro, dum longa tempo toleris la pli aŭ malpli ofendajn incitetojn kun stoika pacienco ; fine por liberiĝi de ili, li sin kaŝis en apuda ĉambreto dum sia libera tempo.

Tie li sentis sin neĝenata kaj por pasigi la tempon, li komencis desegni kaj kopii, kion li vidis en la pentrejo. Tiom ofte li observis kaj aŭskultis la instrukciojn kaj konsilojn de la majstro, ke ne malfacile estis por li, riski la provon. Kvankam restis al li nur la eluzitaj penikoj kaj farborestoj de la lernantoj, tamen la talento dormetinta en li faris vojon al si, malgraŭ la nesufiĉaj helpiloj. Kaj li tiom sekrete sin okupis pri la arto, ke nek Velazquez, nek liaj lernantoj ion rimarkis de lia laboro.

Unu matenon regis granda ekscito en la pentrejo. Juano purigis kaj balais, sternis la tapiŝon kaj helpis starigi la finpentritajn bildojn. La lernantoj estis plennombre kunvenintaj, feste vestitaj kaj videble ekscititaj, ĉar sin anoncis altrangaj vizitontoj. Unu el la anoncitaj vizitontoj estis la reĝo, sed tiu ĉi venis sufiĉe ofte, tiel ke lia sola apero ne povis naski tian maltrankvilon. Sed la alia gasto ! Li ankaŭ estis reĝo — majstrego de la arto, la plej fama pentristo de sia tempo : Petro Paŭlo Rubens. Lia famo disvastiĝis tra la tuta Eŭropo, kaj la princoj de ĉiuj landoj konkuris, ŝuti honorojn sur la geniulon, por akiri al si verkon de lia peniko. Certe, malofte kuniĝis tiom da talento kaj eminentaj ecoj en unu homo, kiel en Rubens. Havante imponan eksteraĵon, noblan dignoplenan karakteron, li estis kalkulata ne nur inter la plej famaj pentristoj de sia tempo, sed oni altŝatis lin ankaŭ kiel eminentan oratoron kaj saĝan diplomaton. Li parolis sep lingvojn, konstruigis por si multe admiratan palacon laŭ siaj propraj instrukcioj kaj mem projektis la konstruplanon de la Jezuita preĝejo en sia hejmurbo Antverpeno.

Kiam la reĝo kun sia sekvantaro eniris la domon de Velazquez, ankaŭ Rubens aperis akompanata de siaj lernantoj Van Dyck kaj Snyders. Respektplene li salutis la monarkon, kiu senceremonie ŝovis sian brakon sub tiun de la artisto kaj diris ridetante : « Tie ĉi ankaŭ vi estas reĝo, ĉar ni troviĝas en la domo de pentristo. »

Ĉe la enirejo de la pentrejo, Velazquez afable akceptis siajn gastojn, kaj petis ilin, rigardi la starigitajn pentraĵojn.

Rubens detale rigardis la verkojn de sia hispano kolego, esprimante al li sian kontentecon kaj admiron. « Tiu ĉi tago estas la plej feliĉa en mia vivo », respondis Velazquez la laŭdon de la glora flandra majstro, « ĉar la tuta famo valoris nenion por mi tiel longe, dum mankas al mi la aprobo de Rubens. » Poste li tuj esprimis la deziron, ke lia gasto lasu al li iun memoraĵon okaze de tiu ĉi vizito, desegnante malgrandan skizon sur la tolo, aŭ farante per peniko kelkajn strekojn sur iu ajn pentraĵo.

Rubens konsentis volonte kaj preninte penikon kaj paletron en la manon, li rigardis ĉirkaŭen por elekti bildon ne ankoraŭ finpentritan.

Ne trovinte iun taŭgan inter la elmetitaj bildoj li ekpremis tolon apogitan surface kontraŭ la muro. Sed rimarkinte, ke tio estas finpentrita bildo, li pli detale ĝin rigardis, aŭdigante elvokon de mirego. La bildo prezentis la entombigon de Kristo. Juano pentris ĝin sekrete, kaj la saman matenon, antaŭ ol venis la lernantoj, alportis en la laborejon por fari la lastajn strekojn. Pro la ekscito de la anoncitaj vizitantoj, li forgesis ĝin reporti en sian ĉambreton. Tremante li nun staris en angulo de la laborejo, ĉar li timis la riproĉojn de sia sinjoro kaj la mokojn de la lernantoj, se malkaŝiĝus lia sekreto.

— « Mi pensis, » diris Rubens sin turnante, « ke vi mem pentris tiun ĉi bildon, sinjoro, ŝed post pli atenta ekzameno mi vidas, ke ĝi supozeble estas laboro de iu el viaj lernantoj. Certe iu tre kapabla, kiu sendube fariĝos majstro de sia arto, ĉar malgraŭ la mankoj, li evidente havas genian talenton. » Juano preskaŭ ne kredis, kion li aŭdis. Li, la mizera, malestimegata, laŭdire havas talenton, estas pentristo, al kiu montris aprobon la eminenta Rubens ? — « Mi efektive ne scias, kies verko tio estas, » rediris Velazquez, rigardante kun mirego la pentraĵon, « mi neniam antaŭe vidis ĝin, kaj mi ne kredas, ke iu el miaj lernantoj, kiom ajn talentaj ili estu, kapablus krei tian verkon.

Li do sin turnis al la junuloj kaj demandis : « Kiu pentris tion ? » Neniu respondis. Jen la rigardo de Velazquez trafis la mulaton. « He, Fareja, » vokis li, « ĉu vi eble ĝin scias ? » Juano proksimiĝis pala kaj tremanta, kaj, sin ĵetante antaŭ la piedoj de sia mastro, li konfesis, ke li pentris la bildon. La mirego de ĉiuj estis granda. Rubens gratulis lin, kaj Velazquez sin proponis por pliperfektigi lin. Reĝo Filipo metis afable la manon sur la ŝultron de la radianta pro feliĉo

— « Artisto favoregata de Dio ne devas esti sklavo, » diris li joviale. « Eklevu vian kapon, vi estas libera. Mi elaĉetas vin de via sinjoro por 200 dublonoj ! » (1)

— « Tiuj ĉi 200 dublonoj apartenu al vi, Fareja ! » aldonis Velazquez. « De nun rigardu min kiel vian amikon ! » De post tiu ĉi horo Fareja estis la nedisigebla kunulo de sia ĝisnuna sinjoro. Kiam tiu ĉi mortis de epidemio en la jaro 1660, la fidela

(1) Antikva hispana monero = 10 Sm.

mulato flegis lin ĝis la morto. Dek jarojn poste li savis, sin mem oferante, la vivon de Martinez de Mago, la bofilo de Velazquez, kapabla pentristo de pejzaĝoj. Pro venĝa atako de malamika kavaliro, Martinez de Mago tiam estus perdinta la vivon, se ne Fareja sin estus ĵetinta inter lin kaj la mortiganton ; tiel la pereiga puŝo trafis lian propran bruston.

La Madrida muzeo posedas grandan nombron da bonaj pentraĵoj de Fareja. Lia plej eminenta verko, « La Elekto de Mateo »,sin trovas en la Reĝa Palaco de Aranjuez.

# HOMAMO

En land' malproksima, sur kruda terbulo,
Al mi ne konata, trans maro,
Vi eble pasigas la vivon, fremdulo,
Malsama pri haŭt' kaj vestaro.
Vi min ne similas pro via laboro ;
Vi min diferencas pri multo ;
Malsama al vi je kutimo kaj moro,
Kulturo kaj leĝo kaj kulto.
Sed, ĉar ankaŭ vi de l' natur' estas filo,
Migranta sub sama stelar' kaj sunbrilo,
Mi penson dediĉas al vi simpatian :
Animo la mia salutas la vian.

Jam ne mi kutimas la strangajn kutimojn
Propriĝajn al fremdaj la ŝtatoj,
En mond' mi ne vidas disigajn plu limojn,
Mi vidas la homojn gefratoj ;
Fremdulo, vin same varmigas adoro
Al vero kaj belo kaj bono,
Amante ja same ardiĝas la koro
En via kaj mia terzono.
Vin prema doloro egale tremigas,
Kaj sama mondlingvo komprene nin ligas,
Al vi mian penson, plej puran, plej pian ;
Animo la mia salutas la vian.

# GRATULOJ

« Belga Esperantisto » tutkore gratulas la gesamideanojn :

S-ro JAN VAN DE VELDE, el Mechelen, kiu edziĝis kun F-ino MARIA RUYS, kaj

Ges-ojn EDGARD DE COSTER, kiuj « aĉetis » ĉarman fileton, nomatan RENÉ.

# BIBLIOGRAFIO

*Sensacio en la esperantista literaturo!*

**« EL PARNASO DE POPOLOJ »,**

Jubilea libro de esperanta poezio kaj de ĝia Majstro, S-ro ANTONI GRABOWSKI.

Ĝi estas 240paĝa, bela volumo kaj enhavas tre abundan kaj plenan kolekton de poemoj originale kaj majstre tradukitaj dum 25jara literatura agado de S-ro Grabowski, *el 30 tingvoj!*

Ĝi estas vera antologio de tutmonda poezio.

La unikan libron devas posedi ĉiu amanto de bela, poezio, ĉiu organizanto de esperantistaj koncertoj. ĉiu deklamanto aŭ kantisto kaj fine ĉiu esperantista grupo.

La prezo de la libro estas:

1.00 Sm; kun sendelspezoj — 1,15 Sm; luksa eldono sur plej bela papero kun portreto de la aŭtoro — 2.00 Sm.; kun sendo — 2.25 Sm.

La libro estas *senpage* aldonata al ĉiu abonanto de «Pola Esperantisto» kies jarabono kostas 2.65 Sm.

Oni povas mendi pere de « Belga Esperantisto », Vondelstraat, 20, Antwerpen.

---

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

ORIGINALE VERKIS EN HOLANDA LINGVO

**J. DEVOS**

ESPERANTIGIS

**Alfons VAN DE VELDE**

*(Fino)*

JAAP. — Kaj Barend ankaŭ, li tiel ofte parolis pri ŝi, kaj kiam li faris tiun ŝipeton li ĉiam diris: « Direktilisto, tio estas por mia majstraĵo. Ĝi estas tute preta. Nur mankas sur ĝi nomo, sed por tio mi atendos ankoraŭ. Reveninte hejmen mi edziĝos, patrino konsentis, kaj tiam mi certe surmetos nomon! Vi ja komprenas min. »

GEERT. — Ĉu li tion diris? kaj ĉu li nenion plie diris?

JAAP. — Ne! sed tamen li ĉiam revadis pri bela estonteco, kiel mi, dum mia juneco. Li estis bonega knabo. Ĉion, kio al li okazis, li konfidis al mi... Mi tiom estimis lin!

GEERT (*Elsje aperas ĉe la maldekstra pordo*). — Jen venas Elsje, kiel pala ŝi estas! (*iras renkonten*). Venu, mia infano, venu.

ELSJE (*irante al ŝia patrino*). — Barend nenion rakontis al patro. Mi ĉion aŭdis. Ĉu li min kredos? Ĉu li ne forpelos min?

GYS. — Ne, Elsje, se vi volas pardoni al mi tion kion m diris hodiaŭ matene, via patro ne forpelos vin.

ELSJE (*donante sian manon*). Gys !

GYS. — (*Jaap kiu staris apud la maldekstra pordo, rigardis internen, kaj nun eniras.*)

SCHOLTEN. — Do, vi scias.

GEERT. — Infano, ĉu vi al Gys... ?

GYS. — Jes, mi scias ĉion.

JAAP (*revenante el la maldekstra ĉambro*). — Mi tie vidis infanon. Belan infanon en lulilo.... Kies infano estas... ? (*ĉiuj silentas. — Li ekrigardas sian edzinon kvazaŭ volante diri : « Estas via infano ».*) Geert !... Edzino !...

GEERT (*komprenante lian intencon*) — Jaap... ĉu mi iam trompis vin ?

JAAP (*energie*). — Ne ! sed do diru la veron. Al kiu apartenas tiu infano ?

(*Geert silentas kaj montras Elsje*)

JAAP. — Kio ?... ŝia infano... Ne, ne, tio ne estas ebla. Mi ne bone komprenas vin, ĉu ne ? Tiu infano estas de alia... Mia filino ?... Elsje... Kion patrino al mi diris,tio ne estas vera, ĉu ne ? Ĉu vi estis forgesinta vian patron ? Cu vi estus farinta ion, kio min devigus diri : « Kial mi ne restis tie, kun la aliaj ! » Ne, Ho ne, tion mi pli bone scias. Geert ! edzino. .. vi tamen ĉiam estis kun nia filino. Vi ja scias de kiu estas la infaneto ? Nu, parolu! (*Geert silentas*) Majstro, vi estis ilia protektanto kaj konsolanto, vi do scias al kiu ĝi apartenas (*Scholten silentas kaj ekrigardas Gys*).. kaj vi, mia knabo... vi ja povas, kaj volas diri al mi ?

GYS. — Mi certe povas, kaj mi devas diri tion. La infano kiun vi jen vidas estas mia.... de mi, kaj Elsje.... ŝi estas mia edzino... Mi estas via filo.

SCHOLTEN. (*aparte*), — Altkora junulo !

JAAP. — Mia filo ! (*iras al li*) kaj, ĉu vi amas ŝin ?

GYS. — Jes !

JAAP. — (*iras pensante al la ŝipeto, kiu ankoraŭ staras sur la tablo, dekstre*)

Ŝi edziniĝis... Jes, oni tuj forgesas nin, kiam ni vagas sur la maro. Malfeliĉa Barend, kio estus nun via reveno ? Ne, tion vi ne pensis kiam vi faris la ŝipeton por via majstraĵo... Feliĉe... feliĉe, ke vi trovis la morton en la ondoj ! (*li ploras.*)

SCHOLTEN. — Nu, patro Barendse, kvietiĝu !

JAAP. — Estas tiel malĝojege... Nu, se la infanoj ja amas unu la alian.., (*irante al Gys*) Mia knabo, mia filo, pardonu al mi se mi ne estas kun vi, kiel vi eble deziras, sed se ŝi (*altiras Elsje apud sin*) ege amas vin, mi ankaŭ tuj amos vin, ĉu ne, Geert ?

GEERT. — Jes, certe, Jaap, certe. (*Oni aŭdas la sonorilon. Hannes eniras kun letero en la mano*).

## SCENO DEKOKA.

*La samaj.* — HANNES.

HANNES. — Pardonu,... sed mi volus kompensi ĉion.

GEERT. -- Hannes !

SCHOLTEN. — Kial vi venas ĉi tien ?

HANNES. — Mi venas por kompensi ĉion. Jen mi havas ankoraŭ leteron de Barend.

GYS. — Leteron de Barend ?

JAAP. — Kion vi diras. — Kiu estas vi. — Kion vi rakontas pri Barend ?

SCHOLTEN. — Atentu, Hannes. Vi staras antaŭ la edzo de Sinjorino Barendse.

HANNES (*timplena*). — Ĉu vi estas...

JAAP. — Jes, kion vi intencas rakonti ?

HANNES. — Mi alportis tiun ŝipeton por via filino. — Barend ĝin donis al De Bruyn, sed tial ke tiu ĉi restis en Samarang, mi ĝin kunportis. Li aldonis leteron.

ELSJE. — Leteron de Barend ! ?

HANNES. — Jes, mi estis sciama, malbona.... ho ! mi ĉiam estis malbona... mi ĝin malfermis ; mi intencis remeti ĝin en la koverton, sed mi perdis ĝin. Mi ne kuraĝis doni la leteron tiele, tial mi konservis ĝin, sed nun mi volus kompensi ĉion, tial ke....

SCHOLTEN. — Tial ke vi timas la malliberejon.

JAAP. — Donu al mi tiun leteron. (*Hannes ĝin donas*).De Barend ! Jes, tio estas lia skribo ! Ĉu patro povas legi ĝin, Elsje, aŭ ĉu.....

ELSJE. — Jes patro, legu ĝin. Ni ĉiuj povas scii kion li laste skribis.

GEERT. — Ne, Jaap, ne faru tion (*montras Gys*) Donu al mi la leteron. .. Ni legos ĝin poste (*aparte*) Kiu scias kion ĝi enhavas !

JAAP. — Nu, Geert, ŝi ja konsentas. — Kaj estas de li, de la junulo kiun mi tiom estimis. (*li legas*).

Samarang, la 12an de Majo 1881

« Karega Elsje,

« Mia mano ne ankoraŭ tute resaniĝis, mi do ne multe
» povas skribi. — La ŝipeton kiun De Bruyn alportas kun tiu ĉi
» letero, mi faris mi mem. Estas por nia majstraĵo, kiam mi
» revenos hejmen mi metos nomon sur ĝin ; estos samtempe nia
» edziĝtago. Se estos knabo, li estos nomata kiel via patro. Se
» knabino.. kiel vi. Mi ne ankoraŭ kuraĝis diri ion al la direktil-
» isto, sed mi diros antaŭ nia alveno. Kisu nian infanon. Mi
» ĉiutage preĝas por ĝi. Neniam dubu pri mia amo kaj fideleco. »

« Barend. »

(*rigardas longtempe en la leteron*)

Kisu nian infanon... Dio mia! Ĉu mi vere legis tion? Ĉu tio estas vera.. Do, tiu infano estas la infano de Barend...! de Barend...! Kie estis miaj pensoj?... Ho! jen denove tiu doloro... Infano... Elsje, li ne povis mensogi (*montras la leteron*) kaj vi trompis lin (*montras Gys*).

ELSJE. - Patro!

JAAP. — Sed vi ne povis tuj edziniĝi... ne tio ne estis ebla. Li do ne estas via edzo... vi do ne edziniĝis!,.. kaj, tiu infano... ĝi estas via... kaj Barend mortinta... mortinta... Ho Dio!

GEERT. — Ho, ni ne malbenos ŝin.... ni prizorgu la infanon!

JAAP. — Kaj vi, mia knabo, kial vi diris ke estis via edzino, (*montras maldekstren*) via infano?

GYS (*entuziasme sed simple*). — Tial ke mi amis kaj ankoraŭ amas ŝin.. La homoj pensu kiel ili volas, mi amas ŝin Mia edzino.. jes, se vi... se patrino, kaj se ŝi mem konsentas. — (*montrante la ŝipeton*) Lasu min plenumi la devon de mortinto. — Mi donos nomon al ĝi...

GEERT (*irante al Gys*) Gys, mia infano, mia filo!

SCHOLTEN. — Bonega knabo!

ELSJE (*al Jaap*). — Patro, mi estimas lin,.... mi amas lin.

JAAP. — Poste, miaj infanoj, poste! Jam sufiĉas por hodiaŭ. Venu, edzino, ni antaŭe preĝu ĉe la lulilo de nia nepo.

(*Jaap kaj Geert iras maldekstren. — Scholten venas inter Gys kaj Elsje. Li kunigas iliajn manojn*)

SCHOLTEN. (*solene*) — Estu feliĉaj!

FINO

*Por ricevi la permeson pri prezentado de « La Ŝipeto » oni skribu al: Alfons Van de Velde, Groenhofstraat 21, Boom (Belglando).*

---

# AVIZO

Ĉar mi vojaĝadis dum granda parto de la monato Aŭgusto, mi estas devigita nun aperigi numeron de *Belga Esperantisto* malpli ampleksan ol kutime.

La proksima numero, kiu aperos dum la unuaj tagoj de Oktobro kaj estos la lasta de la 5a jarkolekto, estos multe pli granda kaj enhavos interalie biografiajn artikolojn pri la bedaŭrataj S-roj Bourlet kaj Richardson, kaj detalan raporton pri la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso.

O. V. S.